2a Jaro FEBRUARO 1912. Nro 2.

# Internacia Pedagogia Revuo

Oficiala organo de la
**Internacia Asocio de Instruistoj.**
Membra kotizaĵo por 1 jaro kun la monata revuo : 1 Sm. (Fr. 2,50)
Specimena numero 0,1 Sm. (Fr. 0,25)

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : JAN JACOBS,
— BOOMSCHE STEENWEG, 444, ANTWERPEN. BELGUJO. —

## Modelregularo pri la elementaj lernejoj komunumaj en Belgujo.

### Ia ĈAPITRO.
### PRI L'EDUKADO KAJ PRI L'INSTRUADO ĜENERALE.

ART. 1. — La edukado fizika, la edukado intelekta kaj la edukado morala de la lernantoj estas la objekto de la konstanta zorgemo de l'instruisto.

Li preterlasas neniam oportunon por internigi en siajn lernantojn la regulojn de la moralo, por inspiri ĉe ili la senton de la devo, la amon al la patrolando, la respekton de la naciaj institucioj, la amon al la liberoj konstituciaj.

Li detenas sin, en sia instruado, de ĉia atako kontraŭ la religiaj kredoj de la familioj kies infanoj estas alkalkulitaj al lia zorgo.

Li zorge atentas por ke liaj lernantoj alkutimiĝu en ĉiuj cirkonstancoj plenumi la regulojn de la deco.

ART. 2. — La instruisto apogas sian instruadon, kiel eble plej multe, sur la intuitivo ; li zorgas konstante veki ĉe siaj lernantoj la sencon de l'observado, de l'pripensado kaj de l'elpensado ; li alkutimigas ilin esprimi simple, sed korekte, siajn proprajn observojn, siajn proprajn opiniojn ; li zorgas por ke la konoj instruitaj estu ĉiam ĝustaj ; li faras multnombrajn aplikojn kaj oftajn ripetojn, sed klopodante por varii la ekzercojn.

ART. 3. — La elementa instruado konsistas el la religio* kaj la moralo, la skribado, la elementoj de la kalkulado, la leĝa sistemo de mezuriloj kaj peziloj, la elementoj de la lingvo ... (franca, flandra aŭ germana, laŭ la lokaj bezonoj), la geografio, la historio

de Belglando, la elementoj de la desegnado, la konoj pri higieno, la kantado kaj la gimnastiko. Plie ĝi konsistas por la knabinoj el la virinaj manlaboroj.

Se estas kampara lernejo oni aldonos : kaj por la knaboj, konoj pri terkulturado.

La instruado pri la religio kaj la moralo estas donata je la komenco (aŭ je la fino) de la klasoj.

La infanoj kies gepatroj tion postulas, estas liberigitaj ĉeesti tiun instruadon.

N.-B. La komunuma konsilantaron plenigos, se necese estas, la artikolon 3an per la montro de la nedevigaj fakoj kiujn ĝi aldonis al la programo post speciala decido.

La plenigaldona paragrafo povos esti redaktita kiel sekvas :

Krom la fakoj cititoj tie ĉi supre

la programo { de la elementa lernejo / de la elementaj lernejoj }

enhavos la jenajn etendojn (citi la fakojn).

Art. 4. — La instruado konsistas el tri gradoj aŭ progresaj kursoj, ĉiu je dujara daŭro : a) la malsupera grado, b) la meza grado kaj, c) la supera grado.

La komunumo povas aldoni :

En la lernejo de.... estas organizita kurson de la 4a grado (aldonita grado), kie estas akceptatai la lernantoj finintaj la studadojn de la 3a grado.

Art. 5. — La nombro da sekcioj de lernantoj kiujn enhavos plena lernejo estas fiksita kiel sekvas :

| | | |
|---|---|---|
| Malsupera grado | du sekcioj | 1a jaro<br>2a jaro |
| Meza grado | unu klaso (3a kaj 4a jaroj kunigitaj) | |
| | du sekcioj | 3a jaro<br>4a jaro |
| Supera grado | unu klaso (5a kaj 6a jaroj kunigitaj) | |
| | du sekcioj | 5a jaro<br>6a jaro |

N.-B. — La komunuma estraro fiksas la nombron da sekcioj de lernantoj, preninte la konsilon de la instruisto.

Konvenas ke ĝi konformiĝu laŭ la sekvantaj reguloj.

En la lernejoj kun unu instruisto, nur la malsupera grado povas enhavi du sekciojn ; oni malutilus la progresadon de la lernantoj starigante du sekciojn en ĉiu el la du aliaj gradoj. Se nenion tion kontraŭstaras, oni devas ankaŭ ne starigi pli ol kvar sekcioj en la lernejoj kun du instruistoj.

En la lernejoj kiuj kalkulas pli ol du instruistoj, la malsupera grado kaj la meza grado povas formi ĉiu du sekciojn da lernantoj, oni eĉ povas, se la nombro da lernantoj estas sufiĉe granda, starigi du sekciojn en la supera grado.

Tamen, estas grave, ne multigi la sekciojn, tiamaniere ke pli ol du estas alkalkulitaj al la zorgo de unu instruisto.

Kiom ajn estas la nombro da instruistoj en granda lernejo, konvenas formi nur ses apartajn sekciojn respondantajn al la ses lernejaj jaroj.

Se la lernejo enhavos pli ol tri klasoj, povas esti paralelaj klasoj.

Kromprenebl**e**, se la komunumo organizas aldonan kurson (4an gradon), la lernejo havas 7an lernejan jaron.

Art. 6. — La instruado estas donota laŭ programo fiksita de la komunuma konsilantaro. La programo estas afiŝita en ĉiu klaso.

Art. 7. — La tabelo pri la uzo de l' tempo po tago kaj po horo estas farita de la instruisto kaj, post la aprobo de la skabenaro, afiŝita en ĉiu klaso.

La instruisto ne povas deflankiĝi de la ordonoj kiujn ĝi enhavas.

Art. 8. — Escepte por la instruado de la religio, la libroj uzotaj de la lernantoj, la libroj por la lernejaj bibliotekoj kaj por la disdonadoj de premioj, kaj la materialaj helpiloj por la instruado, estas, ĝenerale, elektataj el la katalogo de la libroj kaj instruadaj objektoj ekzamenitaj de la perfektiga konsilantaro kaj rekomenditaj al la komunumaj estraroj de la registraro.

La komunuma konsilantaro povas tamen montri librojn kaj materialajn helpilojn por la instruado ekster la katalogo publikigita de la registaro. Tiuokaze ĝi havigas al la kantona inspektoro la liston de la elektitaj libroj.

(Daŭrigota)

laŭ la oficiala teksto tradukis

JAN JACOBS.

# KUNEDUKADO

De A. Ferrière, Genève (Svisujo)

— —

Ĉu pro tio li perdis el sia vireco? Tute ne; eĉ la malo fariĝis. Ĉar jam de sia juneco, preskaŭ senkonscie, li lernis agi kun takto, zorgi pri sia persona eksteraĵo, kontroli siajn parolojn; kaj kio pli bona estas ol tio, li disvolvis en si mem la senton de l' servemo kaj, samtempe, la senton de l' memrespekto. Kiel ajn kruda li estas, ĉiu knabo havas en si mem almenaŭ fajrereton de tiu spirito de neprofitema protekto, kiu estis iam la vera esenco de l' kavalireco. Se oni bone zorgas, ke ĝi ne estingiĝu, tiu fajrereto fariĝos flamo, kiu forkonsumos en li la ĝermojn de maldelikateco aŭ perfortemo. Ni ja devas diferencigi inter maldelikateco kaj vireco. Perdante la unuan, ofte oni gajnas la alian. — La hardiĝo, kiun oni postulas de la lernejo, estas korpa kaj karaktera fortiĝo, sed ne sensentiĝo de l' koro. Oni postulas de la lernejo, ke ĝi instruu la spartajn virtojn. Nu ĝuste ĉi tiujn la juna knabino admiras; kaj la sekreta instinkto, kiu instigas junulon sin fari inda je knabino, — eĉ se li trudmon'radas, rilate al ŝi, iom da nur ŝajna malŝato, — tiu instinkto ankaŭ instigas lin valorigi sian veran virecon. Ne, kunedukado tute ne faras el junaj knaboj supersentemulojn kaj viriniĝemulojn.

Sed la juna knabino? Ĉu ŝi ne estos viktimo de ĉi tiu stato de aferoj tiel favora por la alia sekso? Ĉu kontakto kun knaboj ne faros ŝin malpli dolĉa kaj milda? Ĉu tiu spiritnaturo virina, esence tiom delikata, ne malmoliĝos? Ĉu ĝia freŝeco ne malbriliĝos, same kiel eble malbriliĝas la blankeco de ŝia vizaĝkoloro sub la suno kaj vento de l' kampoj? Kiel ajn stranga tio ŝajnas ĉe la unua rigardo, ĝuste la kontraŭo okazas! Ankaŭ la knabinoj, ĉu infaninoj aŭ jam fraŭlinoj, perdas ĝenerale, kontakte kun la vira elemento, la malgravajn mankojn de sia sekso, ne alprenante tamen kutimojn, kiuj ne konvenus al ili. Estas vero, ke ili fariĝas pli sentimaj, pli eltenkapablaj; ili havas tiom da kuraĝo, por malestimi ĉiujn malnoblajn artifikojn kaj malgrandanimajn rimedojn. Sed ilia gracieco kaj ilia modesteco tute ne malpliiĝas; oni eĉ povas aserti, ke ĉi tiuj ecoj rafiniĝas per uzado, precipe kiam la knabino rimarkas la bonfaran influon, kiun ŝi havas sur siaj virseksaj

kamaradoj. Jam nun ŝi sin preparadas por disfluigi, dum sia tuta vivo, ĉu kiel edzino, ĉu kiel patrino, ĉu simple kiel virino, influon de sinoferemo kaj amo.

(Daŭrigota)

(Tiu artikolo jam estis presita en la 4a, ne eldonita kajero de la 1a jaro).

## BIBLIOGRAFIO

JACQUES CAMESCASSE. — LA INICILO MATEMATIKA, ludo de kubetoj kunigeblaj, faciliganta en familioj kaj lernejoj la praktikadon de la metodo prezentita en la verko « Inicado Matematika » de C. A. Laisant (Patentita en kelkaj landoj). Unu Inicilo Matematika konsistas el : 1 skatoleto, 600 kubetoj blankaj, 600 kubetoj ruĝaj, 144 vergetoj ŝtalaj, 1 broŝureto (Esperante aŭ France redaktita). Vendata de la librejo Hachette kaj K°, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris, Francujo, je la prezo de 12 frankoj (4,80 Sm.) — La saman ludon, en kiu la blankaj kubetoj estas striitaj, oni uzas por la blinduloj ; ĝi estas vendata je la prezo de 13 frankoj (5,15 Sm.)

F. L. G. MARECHAL, B. A. —LA TUTMONDA LERNOLIBRO POR PAROLIGI ESPERANTON, originale verkita (Dua eldono). Havebla ĉe la aŭtoro : 3 Kingston, Terrace, Leeds, Anglujo. Prezo : Sm. 0,50.

LA INFORMANTO, semajna oficiala organo de la esperantia (U.E.A.) entrepreno : Internacia Esperanto Informa Oficejo Eldonejo de « Germana Esperanto-Gazeto », Magdeburg, Kaiser Friedrichstr., 1. Abono : Sm. 2,50 jare.

GERMANA ESPERANTISTO. Duonmonata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto. Redakcio kaj Eldonejo : Berlin S.W. 68, Lindenstr., 18/19. Abonprezo por jaro : Sm. 2,25.

BELGA ESPERANTISTO monata, oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista. Administranto : Sro Frans Schoofs, 45, Kleine Beerstr., Antverpeno. Abonprezo : Sm. 2.—

ANTAŬEN monata, oficiala organo de la Germana Laborista Esperantista Asocio. Administracio : Sro. F. Zuckarolli, Hamburg, 5, Beim Strohhaus, 31e. Jara abono Sm. 1,40.

TRA LA FILATELIO. Internacia kaj ĉiumonata ĵurnalo por kolektantoj de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj ilustritaj. Administracio : 20, rue du Cloître St-Merri, Paris IV. (Francujo). Abono kun premioj Sm. 0,80.

---

I. P. R. ĉiumonate publikigos la nomojn kaj adresojn de la novaj aliĝintoj. Tiamaniere unu persono ne plu havas sole ĉiujn adresojn kaj povas endanĝerigi la ekzistadon de la asocio kaj de ĝia organo. La publikigo de la nomo taŭgas kiel kvitanco pri la ricevita kotizaĵo. Tio ankaŭ plifaciligos la interrilatojn inter la membroj ĉar ĉiu posedos plenan adresaron.

ESTRARO DE I. A. I.

Honoro prezidanto : Sro Dro E. Boirac, rektoro de la universitato, Dijon (Francujo).

Prezidanto : Sro Th. Cart, profesoro de la universitato Paris, (Francujo).

Vicprezidantoj : Sro F. Maréchal, profesoro de lingvoj, Leeds (Anglujo) ;

Sins H. Zapater-de Chalmot, Koeln (Germanujo).

Sekretario : Sro F. Durieux, direktoro de lernejo, Lille (Francujo).

Kasisto : Sro J. Jacobs, komunuma instruisto, Antwerpen (Belgujo).

Konsilantoj : Sro Christaller, profesoro, Stuttgard (Germanujo).

Sro Building (Anglujo).

Sro Backheuser, profesoro de la politeknika lernejo, Rio de Janeiro (Brazilujo).

MEMBROJ, KIUJ ALIĜIS ANTAŬ LA 5a DE FEBRUARO 1912

Honoraj membroj : Sro Dro L. L. Zamenhof, ul. Dzika, 9, Warzawa (Rusujo).

Sro Dro E. Boirac, 2, rue Crébillon, Dijon (Francujo).

Membroj :

1. Sro Ranfaing-Zabilon d'Her, rue Sala, 17, Lyon (Francujo) Sm. 1.—
2. Fino E. O'Brien, 3, St-Paul's Place, Canonbury, London N. (Anglujo) 1.—

3. Sro Max Sykoro, Bischofsweg, 19, Dresden (Germanujo) 1.—
4. Sro J. Camescasse, rue Lallier, 1 bis, Paris (Francujo) 1.—
5. Fino Helen Fryer, 72, Thurleigh Rd., Clapham Common, London, (Anglujo) 4.—
6. Fino Stark, Hopedune, Portrusch (Irlando) 2.—
7. Fino G. Desserin, 4, r. Michel Servet, Bourges (Francujo) 1.—
8. Fino M. Hubert, rue Barbès, Bourges (Francujo) 1.—
9. Sro Kurt Härtel, Bad-Berka (Ilm.) (Germanujo) 1.—
10. Sro O. Nerson, 36, rue Milton, Paris (Francujo) 1.—
11. Sro Ch. G. Stuart Menteth, 23, Upper Bedford Place, London (Anglujo) 1.—
12. Fino M. L. Blin, Verdigny, près Sancerre (Cher) (Francujo) 1.—
13. Fino Monsinjon, Cosne-sur-Loire (Nièvre) (Francujo) 1.—
14. Sro E. Deligny, Boulevard Vauban, St-Omer (Francujo) 1.—
15. Sro O. Melzer, Annabergstr., 247, Chemnitz, (Germanujo) 1.—
16. Sro W. Huhn, Zwickauerstr., Chemnitz, (Germanujo) 1.—
17. Sro D. Kennedy, 134, Ingleby Drive, Glasgow (Skotujo) 1.—
18. Fino E. A. Lawrence, Bank Buildings, Kingsway, London (Anglujo) 0.96
19. Sro J. Jacobs, Boomsche Steenweg, 444, Antwerpen (Belgujo) 2.—
20. Sro S. Kuznecov, Novgorodskaja, 16, loĝ. 5, Vilno (Rusujo) 1.30
21. Sro Heilmann, Sölt, Svarndrup (Danujo) 1.—
22. Sino Giraudet, Saint-Voir, (Allier) (Francujo) 1.—
23. Sro prof. P. Christaller, Neue Weinstiege, 61, Stuttgard (Germanujo) 1.—

De anonimulino la kasisto ricevis 2.—

24. Sro J. Bourniche, Saint-Paul-aux-Bois, par Trosly-Loire (Francujo) 1.—
25. Sro prof. L. Delvaux, 10, Bd. Joseph II, Charleroi, (Belgujo) 1.—
26. Sro F. Durieux, rue de Bouvines, 71, Lille (Francujo) 1.—
27. Sino F. Durieux, sama adreso 1.—
28. Sro Dro A. Stromboli, Via Assarotti, 54, Genova (Italujo) 1.—
29. Sro Emil Elenius, Suursaari, (Finnlando-Rusujo) 0,976
30. Sro pastro Aŭstin Richardson, 121, rue du Marais, Bruxelles (Belgujo) 1.—

31. Sro A. Valoušek, Medlanky u Brna (Moravio-Aŭstrio) 1.—
32. Sro J. Aizière, rue de Berlin, Alfortville (Francujo) 1.—
33. Sro N. C. Carlsen, Bülowsvej, 24, Odense (Danujo) 1.—

———

Ordinaraj membroj pagas ĉiujare 1 Sm. (fr. 2.50); propagandoj almenaŭ ĉiujare 4 Sm. (fr. 10); donaculoj almenaŭ ĉiujare 10 Sm. (fr. 25). I. A. I. akceptas dankeme ĉiujn donacojn, kiuj helpas ĝian agadon.

———

## DIVERSAJ SCIIGOJ

Dezirante forte restarigi I. P. R., Sro F. L. G. Maréchal, nia estimata vicprezidanto, donacis senpage 20 ekzemplerojn de sia bonekonata, bonega libro « Tutmonda Lernolibro por paroligi Esperante ». La sumo de la vendo de tiuj libroj estas tute je la profito de la kasò de I. P. R. Tiuj, kiuj deziras efike helpi nian revuon kaj samtempe ricevi utilegan libron, mendu ĝin tuj ĉe la administranto de I. P. R. Prezo Sm. 0.50 (1.25 fr.) afrankite.

———

La administranto de I. P. R. faras alvokon al ĉiuj membroj sendi kiel eble plej ofte artikolojn por ĝi; nur tiamaniere la revuo vivados.

———

Avizoj de la redakcio. Nepresitajn manuskriptojn ni resendas nur tiam, se oni aldonis poŝtpagon por resendo. — La redakcio konservas por si la rajton korekti laŭ bezono la manuskriptojn. — Represoj kaj tradukoj de niaj artikoloj estas permesataj, se ili ne estas speciale rezervitaj. Sed oni ĉiam citu nian revuon kaj sendu al ni, se eble, almenaŭ 1 ekzempleron de la tradukaĵo aŭ represaĵo. — En la fako « Bibliografio » estos registrataj nur tiuj gazetoj aŭ libroj, en kiu ajn lingvo, de kiuj venis almenaŭ 1 ekzemplero. — La redakcio respondas letere aŭ poŝtkarte nur tiam, se oni aldonis por la respondo internacian respondkuponon aŭ respondkarton.

———

I. P. R. estas tute ne profitcelanta entrepreno. Ĝi nur estas la oficiala organo de I. A. I. Ĉar tiu ĉi asocio staras ekster ĉia politika aŭ religia agado, I. P. R. ankaŭ ĉiam portos tian saman karakteron kaj neniam publikiĝos artikolon kiu povus iel ajn ofendi la politikan aŭ religian opinion de siaj legantoj. Oni ankaŭ ĉiam memoru ke ju pli multnombraj la anoj de I. A. I. estos, ju pli granda iĝos I. P. R. La personoj kiuj jam aliĝis estas do insiste petataj varbi kiel eble plej baldaŭ novajn anojn ĉar precipe je la komenco ni bezonas monhelpon.

Presejo Esperantista : J. Heylen-Andries, Antwerpen.